# Esperanto en Azio kaj Oceanio

**(Azia-Oceania Komisiono de UEA**
**/ Komisiono pri Azia-Oceania Esperanto-Movado)**
**N-ro 98**
Bulteno de KAEM
Januaro 2018

---



## Bonfartojn en la Jaro de Hundo

Prezidanto de KAEM SO Jinsu

Post la Zamenhofa Jaro, ni jam okupiĝas por diversaj aferoj de la ĉiutaga vivo kaj Esperanta movado. Okaze de la jaro de hundo, sinsekvas enlandaj kaj internaciaj eventoj en aziaj kaj oceaniaj landoj. Jam 124 personoj kunvenis en Transjara Kurskunveno de Esperanto, aranĝita de Esperanto-Populariga Asocio de Oomoto en Kameoka, Japanio. Inter ili estis 53 koreoj, 10 nepalaj lernantoj kaj d-ro Markus Gabor el Hungario. Nova jaro tiel lumiĝis en Azio-Oceanio.

Kaj la 12-a Ĉina Kongreso de Esperanto finfine okazis inter la 19a kaj la 21a de januaro en la urbo Changsha post la prokrasto. Samtempe 4-landaj gejunuloj longe atendis la 36-an Komunan Seminarion okazontan inter la 6a kaj la 11a de marto en Chongqing, Ĉinio. Inter la 28a de marto kaj la 2a de aprilo, la 2-a Trilanda Kongreso de Esperanto okazos en Bekasi, Indonezio.

Homoj ankoraŭ klare posedas la memorojn pri Seula UK en Koreio kaj la 4-a Sud-Azia Seminario en Bengaluro, Barato, kaj sialandaj eventoj de la jaro 2017. Plejaj rikolto kaj ĝojego por aziaj kaj oceaniaj esperantistoj nuntempe estas ja ofta vidalvido dank'al diversaj eventoj ĉirkaŭ ni. Fizike, filme, morale ni partoprenas en la okazoj. Kaj nun la sekvo de la reguloj, ĝustatempa okazigo de internaciaj festoj, la plenumo de promesoj estas tiel gravaj, ke oni sekure povas plani sian tutjaran vivprojekton.

Ĉe ni gravas ne nur la eventoj, sed ankaŭ lerno kaj instruo inkluzive edukon kaj pedagogion. Abundas la spertuloj kaj eminentuloj ie, kaj absolute mankas tiuj alie. Ni do devas sisteme utiligi la ŝancon de la eventoj por eduko. Sen instruo, sen estonto en Esperantujo.

Ni plej normale kutimas kunlabori internacie sub la nomo de Esperanto kaj Esperantisto. Ili ja estas plejaj meritoj de nia interrilato. Aziaj kaj oceaniaj junuloj okulfrape kaj bone kunlaboras dank' al sociaj retaj sistemoj. Ili ja komunikas unu la alian fejsbuke, skajpe, instagrame en samtempa prezento de siaj opinioj. La 1-a Kunveno de Sudorientazia Junularo inter la 27a kaj la 29a de aprilo en Ayutthaya, Tajlando, estas preparata. Aktiveco de junuloj estas bona signo por nia movado.

Mi esperas, ke ni verku la libron "Historio de Azia-Oceania Esperanto-Movado" por nia identeco en proksima estonto. Tio estos la simbola rikolto de nia movado multparte komuna inter ni, kunlaboro, postsigno de hodiaŭa kunspiro. Por tio, KAEM komencos eklabori de tiu ĉi jaro. JEI kaj KEA ekfunciigis kunlaboron por la 2-a Komuna Kongreso de Koreio kaj Japanio, okazonta en oktobro 2018 en Nara en Japanio. Krome estraro de KAEM kaj vjetnama reprezentantaro jam eklaboras por la 9-a Azia Kongreso okazonta en aprilo 2019, kunvenante en Danang, Vjetnamio, en decembro 2017.

Kun akcepto de Oceanio en nia komisiono, ni havas multajn taskojn: konigi la ŝanĝon de titolo KAEM de Azia al Azia-Oceania, ŝanĝi la titolon de nia organo "Esperanto en Azio-Oceanio", kaj ordigi ĉiujn dokumentojn, ktp. Ni solvos tiujn en tempopaso.

Dezirante bonfartojn de UEA kaj TEJO en ŝanĝo, landaj asocioj en Azio kaj Oceanio, kaj iliaj membroj, kiuj multe ŝvitas por verda estonto.

## La 36-a Komuna Seminario

Dato : la 6an de marto - la 11an de marto 2018
Loko : Yudu Hotel Chongqing, Chongqing, Ĉinio
Kotizo: 2350 juanoj (kun loĝado, manĝaĵoj, ekskursoj, asekuro)
Kongresa temo: Unu zono, unu vojo
Organizanto: Komisiono pri Azia Esperanto-Movado de UEA

# Japanio

## Zamenhofaj Festoj en Japanio

**Jamagata:**

Tagmezon, la 10an de decembro komenciĝis Zamenhofa Festo en la kursejo Higaŝihara. Komence ni manĝis bongustan tagmanĝon, kaj poste ni spektis malnovan lumbildon pri Zamenhof, kiu estas valoraĵo heredita en nia asocio. Ni jam multfoje spektis ĝin, sed ĉiun fojon ni estas emociitaj pro la nobla volo de Zamenhof kaj grandaj klopodoj de postaj esperantistoj. Poste ni havis ĝeneralan kunsidon, en kiu ni decidis agadplanon en 2018. Ok homoj partoprenis.

**Maĉida:**

La 9an de decembro okazis Zamanhofa Festo en la urbo Maĉida, en Tokio. En ĝi partoprenis 12 homoj. Komence ĉiuj partoprenantoj sin prezentis kaj parolis pri sia lastatempa vivo. Poste s-ro HORI Jasuo prelegis kun la temo “Homaranismo kaj Boncikliga Movado”. Li diris, ke Zamenhof naskiĝis en la bona familio kaj bonŝance renkontis Klara-n, kies patro estis riĉa kaj subtenis lin, krome la monda cirkonstanco estis favora al Esperanto. S-ro Hori instigis nin agadi pli por disvastigi noblan ideon de Zamanhof.

Poste okazis kantado de korusanoj kaj ludado de okarinoj, kvizo pri Esperanto-vortoj. Pli poste en franca restoracio ni gustumis bongustaĵon,

kaj tie s-ro Hori amuzis nin per nekutimaj muzikiloj kaj ventropupo. Tiu ĉi Festo estis ege pli amuza ol la antauaj festoj.

**Hiroŝima**

La 20an de decembro okazis Zamenhofa Festo en la urbo Hiroŝima kaj 12 homoj partoprenis. Komence ili ĝuis bongustaĵojn el ostroj, salato kaj kukoj. Poste okazis ĝenerala kunsido de la societo kaj oni elektis s-inon Oŝioka Taeko kiel novan prezidanton. La societo planas eldoni libron „Atestoj de Koreaj atombombitoj loĝantaj en Japanio" kaj organizos Kongreson de la regiono Ĉuugokiu-Ŝikoku en sia gubernio.

| Dato | Gubernio | Urbo | Partoprenantoj |
|---|---|---|---|
| 12/02 | Ŭakajama | Ŭakajama | 6 |
| 12/03 | Tokio | Tokio | 59 |
| 12/09 | Hokajdo | Sapporo | 11 |
| 12/09 | Tokio | Maĉida | 12 |
| 12/09 | Aiĉi | Nagoja | 18 |
| 12/09 | Kioto | Oojamasaki | 21 |
| 12/09 | Mijazaki | Mijazaki | 4 |
| 12/10 | Fukui | Fukui | 8 |
| 12/10 | Osako | Takacuki | 13 |
| 12/10 | Jamagata | Jamagata | 8 |
| 12/14 | Kooĉi | Kooĉi | 4 |
| 12/16 | Gunma | Maebaŝi | 16 |
| 12/16 | Jamanaŝi | Koofu | 11 |
| 12/16 | Hjoogo | Koobe | 20 |
| 12/17 | Iŭate | Morioka | 9 |
| 12/17 | Mijagi | Sendai | 10 |
| 12/17 | Kanagaŭa | Kaŭasaki | 62 |
| 12/17 | Fukuoka | Fukuoka | 12 |
| 12/18 | Tokuŝima | Tokuŝima | 12 |
| 12/20 | Hiroŝima | Hiroŝima | 12 |

# Vjetnamio




## La 20a Jubileo pri la fondiĝo de Hanoja Esperanto-Asocio

La 20a Jubileo pri la fondiĝo de Hanoja Esperanto-Asocio (HANEA) estis solene celebrita en Hanojo la 19an de decembro 2017, kun la partopreno de s-roj Hori Jasuo, Honora Prezidanto de KAEM, Roy McCoy, emerita stabano de la CO de UEA en Roterdamo, Can Viet Anh, Permanenta Vicprezidanto de Hanoja Unio de Amikecaj Organizoj (HUAO), de ekskomitatanoj de HANEA kaj ĝiaj anoj.



Post la arta programo « La saluto de la standardoj de Vjetnamio kaj de Esperanto » prezentita de la anoj de la sekcio de artistoj, s-ino Nguyen Thi Phuong Mai, Prezidantino de HANEA

(Foto), malfermis la ceremonion per la resumo de la aktiveco de la Asocio dum la pasintaj 20 jaroj kaj la orientado de aktiveco por la nova oficperiodo. Video pri la aktiveco de HANEA estis projekciita. Sekve du grandaĝaj anoj esprimis sian admiron por la mirinda internacia lingvo kaj siajn impresojn pri la aktiveco de HANEA.

La aliaj okazaĵoj konsistis el la transdono de rekompencoj al la fervoraj aktivuloj, individue kaj kolektive; la disdono de membro-kartoj al la anoj de du novaj sekcioj de HANEA; tiu de diplomoj de Novembra Sumoo fare de s-ro Hori Jasuo; la danko al la financ-subtenantoj; la salutparoloj de la vicprezidanto de HUAO kaj de gastoj.

Menciinde estis, ke la unuan fojon HANEA altiris intereson de entreprenoj. La firmao Bao Thanh (Restoracio de Kajeputoj), la Geomancio-Instituto, la entrepreno Akoj-Ĝardeno finance subtenis HANEA-n por la jubilean ceremonion, interesiĝas pri Esperanto kaj promesas lerni ĝin en estonteco. La restoracio de Kajeputoj presigis flugfoliojn en tri lingvoj: vjetnama, angla kaj Esperanto. HANEA deziras ricevi pli da subtenoj de aliaj organizoj, individuoj, amikoj kaj pli disvastigi Esperanton al la publiko.

La jubilea ceremonio finiĝis per la ferma- kaj danka-parolado de la prezidantino de HANEA, la komuna foto kaj la disdono de la atestoj pri la parkera kantado de Esperanto-himno iniciatita de s-ro Hori Jasuo.

Informo pri la ceremonio tuj troveblas en la sama tago sur la oficiala organo de la Vjetnama Partio:

http://dangcongsan.vn/doi-ngoai/ky-niem-20-nam-thanh-lap-hoi-quoc-te-ngu-esperranto-ha-noi-467156.html

Raportis: Informada Komisiono de HANEA

# Ĉinio

## Esperanto eniris en la grandan amuzvesperon

La 7-an de januaro okazis « 2018 Granda Amuzvespero de Printempa Festo de Liaoning Ekonomiaj kaj Kulturaj Rondoj », en Shenyang, ĉefurbo de Liaoning, Ĉinio. Ĝin partoprenis pli ol 400 gastoj el la du rondoj, i.a. kvar estraranoj el LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio). Raportistoj el Liaoning Televido, Shenyang Televido, Liaoning Ĵurnalo, Shenyang Ĵurnalo, Liaoshen Vesperĵurnalo kaj 12 novaĵaj retejoj alvenis por fari intervjuon. Indas mencii, ke ankaŭ Ĉina Centra Televido (CCTV) sendis raportiston al la vespero.

Multaj gastoj miris, ke versio de nova aŭ stranga lingvo aperis sur granda fona muro, granda ekspoziciaj tabuloj, granda scena ekrano kaj koloraj programeraj folioj. Kiam kvar anoncistoj de la vespero klarigis, ke tiu lingvo estas Esperanto, la gastoj bonvenigas “alvenon de Esperanto kiel speciala gasto” per varmaj aplaŭdoj. Krome sur ĉiu ronda tablo videblis kelkaj « Internacia Ekonomio kaj Kulturo », gazeto de Liaoning Internacia Ekonomia kaj Kultura Klubo kun parto de Esperanto-versio. En la pasinta semajno jam kelkaj milionoj da homoj tra raportoj de tiuj komunikoj sciis pri la vespero, samtempe pri Esperanto.

Mi kore dankas s-ron Liu Weijie, prezidanto de la klubo, kaj s-ron Li Jian, ĝenerala reĝisoro de la vespero, pro ilia subteno al mia propono pri enkonduko de Esperanto. Tio ĉi estas la unua fojo por enkonduko de Esperanto en granda amuzvespero de Printempa Festo en Ĉinio. Dek tagojn antaŭ la vespero mi speciale iris al Shenyang kaj vizitis s-ron Li Jian tiucele（Vidu la foton, dekstre Li Jian. S-ro Li Jian estas fama kantverkisto kaj reĝisoro. Pri mia propono li diris: « Esperanto estas paca lingvo. Enkonduki ĝin en la vesperon celas eniron de la bela ĉina kulturo en la mondon, kaj tra ĝi plian sciigon de amikoj el ĉiu

kontinento pri forta kaj pacama Ĉinio, esprimon de beleco, transdonon de amikeco, semado de espero, transmisiadon de ĉina voĉo kaj disparoladon de rakontoj pri Ĉinio, samtempe tra la vespero disvastigon de Esperanto kaj ĝia kulturo. Mi bondeziras al esperantistoj de la terglobo feliĉan novan jaron kaj atendas ilian ĉeeston al la venonta vespero. Ni kune komencu novan vojaĝon, revu pri nova epoko kaj eniru en novan epokon ».



2018 Granda Amuzvespero de Printempa Festo de Liaoning Ekonomiaj kaj Kulturaj Rondoj

Antaŭ la vespero okazis ekspozicio de produktoj kaj prezento de ĉina kaligrafio, post ĝi sekvis granda bankedo. La vesperon monsubtenis 16 entreprenoj, ekz. Huan Ren Senpatina Glacia Vino-Kompanio kun limigita respondeco, Shenyang Xingfutian Lignaĵa Kompanio ktp. Interese kelkaj el ili esprimis, ke ili konsideros kunlaboron kun Esperanto kaj subtenos la Esperantan aferon. Vorte oni jen dronis en ĝuado jen aplaŭdis pro miro.

Raportis Wu Guojiang, vic-prezidanto de LEA, amikeco999@21cn.com

## Nova revuo “Flava Rivero” eldonis en Ĉinio

En aŭgusto de 2017 nova Esperanta revuo “Flava Rivero” eldoniĝis en Henan-provinco, Ĉinio. La revuo estas duonjara organo de Henan-a Esperantista Grupo. Ĝi radikas en Henan-provinco, kaj frontas al Ĉinio, eĉ al la tuta mondo. La celoj de la revuo estas propagandi Esperanton kaj servi al esperantistoj. Ĝi rekomendas aplikon de Esperanto en kampoj de kulturo, edukado, ekonomio, turismo kaj ĉiutaga vivo.




“Flava Rivero” eldoniĝas en formato A5, kaj oni povas elŝuti FDF-version aŭ foliumi flaŝ-eldonon ĉe http://www.flavarivero.top/. Por regule ricevi la revuon vi povas skribi al la redakcio <redakcio@126.com>. Kompreneble via artikolo ankaŭ ĉiam estas bonvena. (Zhang Xuesong)

## LEA okazigis la 158-an Zamenhof-feston

La 16-an de decembro 2017 LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio) okazigis la 158-an Zamenhof-feston en la bela urbeto Fengcheng kune kun Dandong-a Esperanto-Asocio (DEA), Dandong Industria Kompanio de Edukita Junularo (DIKEJ) kaj Instituto de Rapidigaj Fremdlandaj Lingvoj (IRFL) de Orienta Liaoning Universitato. Pli ol 100 personoj el diversaj lokoj de la provinco partoprenis en ĝi. Ne mankas eksterlandaj gastoj, ekz. s-ro Sampson Bang el Koreio, prezidanto de Daon Esplora Instituto, kiu ofte partoprenas en Esperanto-aranĝoj de la provinco, kaj Vanessa Chisadza, studentino el Zimbabvo, kiu studas en Orienta Liaoning-Universitato. S-ino Li Yanqiu, ĝenerala sekretariino el DEA, prezidis la feston.

(Wu Guojiang, vic-prezidanto de LEA, amikeco999@21cn.com)

# Tajvana Zamenhof Festo okazis en Taoyuan

Unuafoje dum jardekoj la Tajvana Zamenhof-Festo okazis en Taoyuan, urbo pli proksime al la norda parto de Tajvano. Kutime ĝi okazis en Pingtung, suda urbo, kie estas la plej multo da esperantistoj kaj Esperanto-kursoj. Kaj la kialo de tiu translokiĝo estis unu matematika profesoro, kiu loĝis tie kaj kies laboro por la loka Esperanto-movado kaj eĉ por la ĉin-lingva mondo de nia Esperantujo estas giganta kaj valora.

Vidu la fotojn ĉi tie:

http://www.ipernity.com/doc/rezamenhof/46057534



Prof. Wang Jiu-kwei instruis matematikon en la plej prestiĝaj Tajvanaj universitatoj kaj ankaŭ en usonaj universitatoj de Kalifornia kaj Yale. Li de dekkelkaj jaroj daŭre kaj senĉese tradukas bonkvalitajn ĉinajn tekstojn inkluzive de noveletoj al Esperanto, tial oni karese nomas lin Traduk-maŝino! Li aĝas 83.

En la festo partoprenis 24, inter kiuj estis esperantistoj el Ĉeĥio, Kanado, Indonezio, Irano, Sud-afriko kaj Tajvano. Okazis diversaj

programeroj i.a.: Kio estas Esperanto? (duono de la partoprenantoj estis ne-esperantistoj); Pri Ĉeĥio; Sud-afriko; UK (en kiu unuafoje partoprenis 12 el Tajvano) ktp. En la fino du Filipinanoj prezentis belan kaj nostalgian kanton okaze de la kristnasko.

Kiel kutime aperis broŝuro por la festo, kaj ĉi-foje ĝi enhavis 52 paĝojn, kies duono estis dediĉita al la biografio de prof. Wang kaj kelkaj el liaj tradukoj. Tia broŝuro (ĉiujare farita) estas unika afero dum la Zamenhof-Festoj tra la mondo.

Loko de la ĉi-jara festo estis SEAMI (Sudorienta Azia Migranta Inspiro) kaj Teddy Nee. Unu el la gvidantoj de tiu centro helpis la organizadon de tiu evento.

Por vidi multajn belajn fotojn pri la evento, bonvolu viziti FB-paĝon de "Tajvana Esperantujo".

Reza KHEIRKHAH rezamenhof@yahoo.com

## Esperanta Festivalo de Tajvana Literaturo

en Tainan k. Pingtung (Tajvano) – 18~21/03/2018

**Kongresa temo:** " Ŝangi la mondon per vortoj "
**La Organizantoj**: Cyril Vergnaud, Tajvana Muzeo de Literaturo, Pingtunga Universitato
**Kongresejoj**: Tajvana Muzeo de Literaturo, Pingtunga Universitato
**Kontakto :** Cirilo VERGNAUD Cyril <hsia@mail.com>

## Filmo de Tajvana Kulturo

Jen ligilo de bela filmeto kiun ni ĵus finis:
https://youtu.be/AnXlrmHkfq8

Cirilo VERGNAUD Cyril <hsia@mail.com>

# Malajzio

## Kalendaro kaj Hajko-konkurso

Por la 100 jaroj de Skolta Esperanto-Ligo (SEL) en 2018, kelkaj subtenantoj de Esperanto en Malajzio presis la memoraĵan kalendaron. Subtenantoj de la kalendaro estas Intanboy Fotografia Studio, sinjoro WONG kaj sinjoro TOH.

La kalendaro estis donita al skoltoj de San Min kaj Tsung Wah en ĉinaj sendependaj lernejoj en la ŝtato de Perak-o.

Tropika Skolta Movado (TSM) estos formita en Pulaŭ-Pinang-o ŝtato. TSM ankaŭ planos partopreni en UN-aj projektoj kaj aliaj projektoj de Unesko ktp.

Aliflanke, la Skoltisma Movado en Suda Orienta Azio (SMSOA) planos organizi la konkurson de Hajko en Esperanto por la esperantaj skoltoj en Suda Orienta Azio kaj la mondo. SMSOA deziras, ke esperantistoj povu subteni la konkurson per donacoj de premioj.




Bv. trovi la grupon de Literaturoj el Esperantaj Skoltoj en Facebook: https://web.facebook.com/groups/426919304320492/

La SMSOA retpaĝo estas ĉe https: //sodesoa.blogspot.com

Pli da informadoj troviĝas en la retejo de « Malaysia Esperanto-Studies-Group » kaj Skoltima Movado de Suda Orienta Azio : https://mesg2012.blogspot.com
https://sodesoa.blogspot.com

# Rusio

## "Novojarsko-2018"

Al "Novojarsko-2018" jam venis esperantistoj el Arĥangelsk, Jegorjevsk (Moskva regiono), Ĉeljabinsk, Novosibirsk, Tomsk, Krasnojarsk kaj Sosnovoborsk (Krasnojarska regiono). Ĉiuj venis el la azia parto de Rusio krom tiuj el Arĥangelsk kaj Jegorjevsk. La 30-an de decembro okazis granda (4-hora) ekskurso laŭ la urbo Tomsk. La 31-an de decembro ni plejparte prepariĝadis al la renkonto de la Nova Jaro 2018 kaj samtempe diskutadis pri la siberia Esperanto-movado. Je la 23-a horo ni altabliĝis kaj komencis la festadon, kiu sukcese kaj gaje evoluadis kun manĝado, tostado kaj kantado de Esperantaj kaj naciaj kantoj. Iuj el la festantoj laciĝis kaj foriris dormi, kaj subite aperis fanatikaj religiuloj, kiuj iu-momente ekprovis deflankigi nin al prireligiaj diskutoj, sed ni digne kaj adekvate refutis iliajn provokojn kaj daŭrigis festadi preskaŭ ĝis la sesa matene.

La 1-an de januaro ni veturis en antaŭurbon de Tomsk al bieneto de geesperantistoj kaj geedzoj Olga kaj Viktor Obrazcov. Dum la festaj tagoj elfalis dika tavolo da blanka kaj mola neĝo, sur kiu ni komune skiadis. Ankaŭ la temperaturo de la aero estis komforta por la skiado. Kaj poste ni baniĝis en ŝvitbanejo kaj bone vespermanĝis. Vespere en Tomsk ni partoprenis « Mondumajn kaf- kaj te-ceremoniojn » dum 2 horoj, kiujn gvidis tomska esperantistino Jekaterina Koŝevec. Ŝi kuiris diversajn specojn de kafo kaj teo kaj regalis nin. Tio similis la duan luksan vespermanĝon. Ŝi ankaŭ rakontis pri multaj specoj de kafo kaj kafo-kuirado kaj ĝenerale pri la historio de la kafo-ekspansio en la mondo.... Post tiu ĉi 2-hora kafo-paŭzo komenciĝis intelektaj ludoj ĝis malfrua vespero.

La partoprenantoj de "Novojarsko-2018" gratulas ĉiujn esperantistojn okaze de la Nova Jaro!

Vladimir MININ mininvl@yahoo.com

## La festa decembra Esperanto-kunveno en Jekaterinburgo

La 16-an de decembro en Jekaterinburgo sukcese pasis tradicia Zamenhof-festo. Ĝenerale dum la tempoperiodo 2002 – 2017 entute okazis jam 17 Zamenhof-festoj en la urala ĉefurbo! Ili ĉiuj estis interesaj kaj variaj. Ankaŭ ĉi-jara ĝojigis ĉiujn 29 partoprenintojn per la riĉa kaj alloga programo.

Unue la prezidanto de jekaterinburga junulara Esperanto-klubo Aleksandr Osincev rakontis pri Esperanto-aktivaĵoj de esperantistoj en la tuta mondo, okazigitaj dum la Zamenhof-jaro diversloke kaj diverslande. La ĉeestantoj povis legi raporton pri la programo de Zamenhof-jaro en UNESKO, spekti vidbendon de la alparolo dum la Forumo pri Minoritatoj, fare de la reprezentanto de UEA Stefano Keller, aŭskulti ankaŭ pri aktivaĵoj de esperantistoj en Litovio, Francio, Ĉinio, Kubo, Pakistano, Venezuelo, Turkio, Italio, en Vieno kaj en S-Peterburgo. Krome ni spektis la vidbendon pri la aprila renkontiĝo de samideanoj en Varsovio ĉi-jare, ĉe la Zamenhofa tombo.

Poste sekvis la programero “Kiujn Esperanto-librojn ni legis lastatempe?”, dum kiu jekaterinburgaj partoprenintoj de la internacia projekto pri la legado rakontis pri sia partopreno en la lasta Esperanto-sumoo; Raja Kudrjavceva, Lena Uspenskaja, Vera Matvejeva, Irina Kirina volonte montris la librojn, kiujn ili legis dum ĝi, kaj Sergej Kumkov ne nur montris la legitan libron, sed ankaŭ prezentis sian recenzon pri ĝi, kiun li sendis al la projekto. Ankaŭ Aleksandr Osincev prezentis interesan libron “La legisto”, kaj Raja Kudrjavceva la stakon de la novaĉetitaj Esperanto-libroj .

De la Zamenhof-festo kaj Tago de la libro ni transiris al la alia festo, anoncita en la programo: 10-jara jubileo de nia junulara klubo “Arĝenta Flamo”. Surekrane estis montrita la prezentaĵo pri la klubo, farita de Raja Kudrjavceva, spektante, ni ĉiuj rememoris la tempon, kiam aperis la klubo kaj multajn apartajn momentojn el la kluba Esperanto – vivo kaj agado. Estas tre agrable mencii, ke okaze de la 10-jariĝo, ni ricevis multe da video-gratuloj de amikoj el diversaj lokoj.

Ankaŭ min persone tiutage atendis tre agrabla surprizo. Evidentiĝis, ke post la voĉdonado en la REU-Estraro, oni nomumis min "Esperantisto de la Jaro 2017". Jekaterinburgaj esperantistoj ĝoje gratulis min okaze de tio kaj enmanigis al mi la bukedon de belaj arkideoj.

Kiel pinto de ĉies partopreno estis la komuna koncerto, kiun ornamis kantado de nia gasto - esperantisto el la najbara urbo Revda-Dmitrij Rzjanin kaj belaj tradukitaj kantoj de vastekonataj rusiaj bardoj, kiujn kantis jekaterinburga esperantisto Sergej Kumkov. Nepre estas menciinde, ke kaj Dmitrij, kaj Sergej, ambaŭ plenumis po unu kanto, kiun ili tradukis memstare, kio precipe valoras. Estis ankaŭ deklamado de Esperanto-poemoj, kiam kelkaj esperantistoj prezentis siajn ŝatatajn Esperanto-poeziaĵojn. Dum la paŭzoj surekrane estis montritaj vidbendoj pri Zamenhof.

Kiel bonega fino de la festa kunveno estis komuna festeno kaj komuna fotado. La impresoj, kiuj restis enanime post ĉi-jara Zamenhof-festo, vivos longe!

Raja Kudrjavceva, Jekaterinburgo



# Mongolio

## Nova prezidantino estis elektita



La 21an de decembro 2017, niaj membroj retvoĉdone elektis novan prezidanton de Mongola Esperanto-Societo. Ŝi nomiĝas **Tuul** (plena nomo Tugchin Khurelbaatar **Tuul**). De sia infaneco ŝi konatiĝis kun Esperanto, dank' al sia avo Chimid Dogsuren (1934-2002), iama gvidanto de mongola movado.

Jen konciza prezento pri ŝia biografio:
- Naskiĝ-jaro 1983, en Ulanbatoro.
- 2002-2006, Mongola Nacia Ŝtata Universitato, bakalaŭro pri mongola lingvo kaj literaturo (filologio);
- 2006-2007, Barato, "British English Academy", kurso de angla lingvo;
- 2007-2008, dungita oficisto en komerca kompanio;
- 2009-2010, Koreio, "Korea University" kaj "Daehan University", kursoj de korea lingvo;
- 2011-2013, Koreio, "Daehan University", magistro pri socia bonfaro.

Ŝi partoprenis en la unua Komuna Kongreso de Japanio kaj Koreio en 2011 en Koreio, inkluzive de Komuna Seminario tie, kaj la 97an UK en 2012 en Vjetnamio.

Ŝi parolas la mongolan, rusan, korean, anglan kaj Esperanton. Nun ŝi laboras kiel oficisto en la komerca kompanio en Ulanbatoro.

Nuntempe mongola movado estas malforta, multaj el niaj membroj estas dormantaj. Ni esperas kaj atendas, ke la nova prezidantino vekos nin kaj venigos al nia asocio novan labormanieron.

Ŝia retadreso: tuul83@yahoo.com

https://www.facebook.com/tuul.khurelbaatar?fref=ts

PS: Nuna konsisto de la estraro
S-ino Tugchin Khurelbaatar **Tuul**, prezidanto
S-ro Chimedtseren **Enkhee**, reprezentanto en KAEM
S-ro Khurgaa **Dashdorj**, kasisto kaj sekretario
Ŝi invitos al la konsisto kelke da pli aktivuloj.

Chimedtseren Enkhee <chimedtserenenkhee@yahoo.com>

# Ekskurso al antikva lago Ĥuvsgul, Mongolio

Ni invitas vin al nia ekskurso en Ulanbatoro, la ĉefurbo de Mongolio, kaj Nacia Parko de Ĥuvsgul.

**Dato: 18-25 junio 2018**

**1. Ulanbatoro, la ĉefurbo de Mongolio.**

Nun Ulanbatoro havas 1.3 milionon da loĝantaro. Ulanbatoro estas politika, ekonomia, kultura, edukada kaj scienca centro de Mongolio, la plej granda urbo de la lando.

**2. Pri la lago Ĥuvsgul**



Ĝi situas en nordokcidenta parto, montarbara regiono de la lando. Naturo de la regiono estas tre pitoreska, kaj riĉa je diversaj specoj de animaloj kaj plantoj. La lago estas la plej profunda, freŝa kaj granda en Mongolio kaj estas unu el la plej antikvaj en la mondo. Mongoloj nomas la lagon blua perlo.

**3. ITINERO**

**<u>1a tago</u>**

Akcepto ĉe Ulanbatora flughaveno aŭ trajna stacio. Prezentado pri la itinero, mongola kulturo kaj historio, vidindaĵoj kaj pri la naciaj parkoj Ĥuvsgul kaj Terelj. Interkona vespero.

**<u>2a tago</u>**

Zajsan-monteto por vidi panoramon de Ulanbatoro.
Gandan templo-Budhisma Centro en Mongolio. Nacia muzeo.
Koncerto de Popola Folklora Ensemblo.

**<u>3a tago</u>**

Veturo al la lago Ĥuvsgul (700 km)
Veturo al kampadejo ĉe la lago Ĥuvsgul (survoje: cervoŝtonoj kaj pitoreska naturo), Saŭnumo kaj piedmasaĝo (laŭvole)

**4a tago**

Piedmarŝo ĉe la lago kaj al Sant Ovoo, sankta ŝamanisma loko ĉe pinto de monteto. Oni rigardas panoramon de la lago. Reveno.
Koncerto de folklora grupeto de la kampadejo.
Rigardi stelojn kaj vino-gustumo.

**5a tago**

Veturo al boac-bredanta tendaro ĉe rivero Bugat. La boac-bredanta popolo loĝas tutjare nur en sia tendo. Dum via restado en la turisma kampadejo vi spertos la ŝamanisman kulton.
Prezentiĝo de ĉiutaga vivado kaj bredado de la boacistoj.
Fajra festeto. Internacia vespero.

**6a tago**

Revene al Ulanbatoro, fotiĝo ĉe latitudo kaj longitudo 50:100 (ĝi troviĝas nur 3 en la mondo).
Daŭra veturo al Ulanbatoro. Enhoteliĝo en Ulanbatora hotelo.

**7a tago**

Veturo al granda statuo de Ĉingis-Ĥano (80 km). Vizito al la muzeo de Ĉingis-Ĥano sub la statuo. Vizito al folklora vilaĝeto "La 13a Jarcento".
Reveno. Vizitoj al grandvendejoj.

**8a tago** Veturo al flughaveno aŭ trajnstacio. Adiaŭo.

**Fejsbuko :** https://www.facebook.com/events/180983815990173/

**KOTIZO: 856** eŭroj.

La kotizo inkluzivas 2-litan ĉambron en hotelo en Ulanbatoro, kaj en gastejo en kampadejo, tri manĝojn ĉiutage, enirbiletojn, enurban kaj kamparan transportadon. Tiu, kiu preferas 1-litan ĉambron, aldone mem pagas diferencon. La programo ŝanĝeblas pro neatenditaj kazo kaj situacio aŭ laŭ volo de ekskursantoj. Bv. mem aranĝi vian asekuron.

**Aliĝo** al Mongola Esperanto-Asocio: mn_esperanto@yahoo.com

# Irano

## Gratulon, d-ro Zamenhof🌹

Zamenhof-tago en IREA- oficejo en Tehran estis festata. La unua preleganto d-ro Sayadpour kaj la dua s-ro Mamduhi. Plenagrabrajn horojn ni havis ĉe la karaj geesperantistoj.

Sincere Salutas Simin
<siminemrani@gmail.com>




La 5-a Irana Esperanto-Kongreso (IREK-5)
Aprilo 12-13, 2018 – Tehrano
Temo: Lumigi novajn vojojn

# Letero el Taĝikio




Mia nomo estas Mavzuna. Mi loĝas en Duŝanbe, ĉefurbo de Taĝikio. Taĝikio estas tre bela lando. Mi estas ĵurnalistino. Mi ŝatas mian profesion.

Mi laboras en la sistemo de popolinformado. Mi verkas artikolojn por semajna gazeto kaj monata revuo “Scienco kaj vivo”.

Mi volas lerni Esperanton kaj verki artikolojn en ĝi. Ĝuste nun mi lernas Esperanton en la grupo, kiun gvidas prezidanto de nia Asocio, s-ro Firdaŭs Ŝukurov. Mi ŝatas vojaĝi al aliaj landoj. Antaŭ nelonge mi vojaĝis al Kazaĥio. Mi volas iomete rakonti pri ĝi.

**Mia vojaĝo al Kazaĥio!**

Dum unu semajno mi estis en la urbo Astana, ĉefurbo de Kazaĥio. Tio estis mia oficvojaĝo. Komence mi kun la kolegoj flugis al Alma-Ata kaj poste al Astana. Astana estas granda kaj tre bela urbo. Celo de nia vizito estis partopreni en internacia ekspozicio EKSPO-2017. Kun la kolegoj mi partoprenis en la laboro de konferenco: mi starigis multe da demandoj pri statistiko de la ekspozicio EKSPO-2017.

En la konferenco partoprenis reprezentantoj de diversaj landoj. Nun mi havas amikajn rilatojn kun ili. Dum la ekskurso tra la urbo ni vizitis historiajn lokojn. Ni vizitis nacian muzeon, la plej grandan moskeon, simbolan arbon « Bajterek » kaj multe da aliaj interesaj lokoj.

Mi estas tre kontenta pri la vojaĝo, ĉar mi ricevis multe da impresoj. Bedaŭrinde mi ne renkontis tie esperantistojn.

Ĉi-jare mi ege volis partopreni Universalan Kongreson en Seulo, sed bedaŭrinde ne povis. Mi revas pri partopreno en la Universala Kongreso en Portugalio. Mi volas korespondi kun esperantistoj el diversaj landoj. Tio helpos al mi pli bone posedi Esperanton.

Mavzuna: saihun49@mail.ru

# Paĝoj de KAEM

## Azia-Oceania Komisiono de UEA　(KAEM)

INUMARU Fumio

**1. Baza strukturo**

Konsistas el 14 Landaj Asocioj en Azio k. Oceanio（3 LA en 1994）
Eldonas la bultenon « Esperanto en Azio » kver-foje jare
(n-ro 98 ekde 1990 )
Organizas Azian Kongreson de Esperanto
(la 9-a AK en 2019 en Vjetnamio)
Agadas laŭ Projektoj A (Azia Kongreso), B (E en A), C (Membrigo), Ĉ (Edukado) kaj D (Libroj)
Novembre en 2016 nunaj komisionanoj elektiĝis por mandato 2016-2019.

**2. Por antaŭenigi la movadon**

(1) Regionaj renkontiĝoj : kvar regionoj estas okcidenta kaj centra Azio, suda Azio, sud-orienta Azio k. Oceanio kaj orienta Azio
La 4-a Sud-Azia Seminario (SAS) en Bengaluro oktobre en 2017
(La 5-a SAS en Nepalo) en Suda Azio
(2) Kunlaboro inter najbaraj kaj proksimaj landoj
La 2-a Tri-landa Kongreso en Indonezio en marto en 2018
(la 1-a Tri-landa Kongreso en 2016)
La 5-a Irana Esperanto-Kongreso en 2018/ La 1-a en 2014
(3) Semado kaj subtenado en landoj de malforta movado
En Taĝikio komenciĝis enkonduka kurso.
En Bankoko okazis Verda Lernejo januare.
En Filipinoj agadas Filipina Esperanto-Junularo.
(4) Junuloj
La 36-a Komuna Seminario okazos en Chongqing, Ĉinio, marte en 2018.
Kunveno de Sudorient-Aziaj Junuloj (KUŜEJO) aprile en 2018 en Tajlando.

**3. En la 102-a UK**



« Projekto Azia Karavano 2-a » invitis 13 azianojn al la UK el 12 landoj. Tio realiĝis dank'al monofero de japanaj kaj koreaj gesamideanoj.

Dum la azieca UK en Seulo pli ol 70 el 23 landoj ĉeestis en la publika kunsido de KAEM, kaj 15 reprezentantoj raportis. (Foto)

**4. La 9-a Azia Kongreso de Esperanto en 2019**

Inter la 25-a (ĵaŭdo) kaj la 28-a (dimanĉo) de aprilo 2019 en Da Nang, Vjetnamio. Kongresejo estos Hotel Royal Lotus.

**5. Buĝeto 2017**

(1) Enspezo: Donaco (Abon-kotizo de la bulteno) kaj rento de Kapitalo Azio

(2) Elspezo: Subvencioj por partopreno en UK, AK, KS, SAS, membrigo al UEA, la bulteno, eldono de libro, k.s.

**6. Landoj de la komisionanoj**

(Okcidenta kaj centra Azio) Israelo, Irano, Taĝikio

(Suda Azio) Pakistano, Barato, Nepalo

(Sud-orienra Azio kaj Oceanio) Indonezio, Vjetnamio, Aŭstralio, Novzelando

(Orienta Azio) Ĉinio, Mongolio, Koreio, Japanio

**7. Aliaj landoj, kie estas esperantistoj :**

Turkio, Kartvelio, Armenio, Uzbekio, Kazahio / Srilanko / Mjanmao, Tajlando, Malajzio, Singapuro, Kamboĝo, Orienta Timoro, Filipinoj / Tajvano, Azia parto de Rusio

*Renovigite el la raporto en Azia Agado en la 104a Japana Kongreso



# RAPORTO PRI VJETNAMA ESPERANTO-MOVADO

Raportis Trần Tuấn Nghĩa (Dum la 104a Japana Kongreso)

Dum la lasta jaro, en la vjetnama agado estis du gravaj fokusoj: Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA) kaj Vjetnama Esperantista Junulara Organizo (VEJO). Nome de mia landa movado, mi volas raporti niaj agadoj kiel jene:

**Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA)**

1. 60-a datreveno de la fondiĝo de Vjetnama Esperanto-Asocio
2. Preparado por la 9-a Azia Kongreso en 2019 en Vjetnamio
3. Preparado por la 20-a datreveno de la fondiĝo de la Hanoja Esperanto-Asocio (HANEA)
4. Aliaj movadoj de VEA

**Vjetnama Esperantista Junulara Organizo (VEJO)**

1. Preparado por la Komuna Seminario en 2018
2. Kunlaboro kun tajlandaj geesperantistoj
3. Aliaj movadoj de VEJO

*Aliaj movadoj de VEA kaj VEJO estas diversaj kiel: edukado, plivastigi Esperanto-klubon en Hanojo, juna agado kiel somera renkontiĝo, ktp...

Ni volas konservi kaj disvolvi ĉiujn agadojn daŭrigeble kaj aplikeble. Tiamaniere ni povos kontribui al la Azia Movado.

## Projektoj de KAEM

**Projekto A: Azia Kongreso**

A-1: Okazigi Azian Kongreson ĉiun duan jaron.

A-2: Partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne pagipovas la kotizojn ktp, per la subvencio el Fondaĵo Azio de UEA.

**Projekto B: Kunlaboro**

B-1: Regule kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia Kongreso.

B-2: Organizi fakkunsidojn pri Azio dum Universala Kongreso.

B-3: Eldoni "Esperanto en Azio"-n en januaro, aprilo, julio kaj oktobro ĉiun jaron kaj sendi ĝin al pli multaj homoj en la tuta Azio.

B-4: Kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio". Laŭlandaj tarifoj po unu homo estu jenaj aŭ pli:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Japanoj, Israelanoj: | 20 eŭroj, | Koreoj: | 10 eŭroj, |
| Ĉinoj: | 5 eŭroj, | Aliaj azianoj: | 2 eŭroj |

B-5: Kolekti informojn pri movadoj diverslandaj por ke esperantistoj povu reciproke kunlabori por la azia movado.

B-6: Eldoni "Jarlibron de KAEM" ĉiun jaron.

B-7: Subteni projekton "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter urboj kaj E-kluboj.

**Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI**

C-1: Aligi ne-aliĝintajn landajn asociojn al UEA.

C-2: Membrigi aziajn aktivulojn al UEA per Fondaĵo Azio de UEA. Ili ricevos ĝian organon "Esperanto" ĉiun monaton.

C-3: Membrigi junajn Esperantistojn en Azio al ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Ili regule ricevos "Juna amiko"-n.

C-4: Subvencii al la partoprenontoj de UK aŭ ILEI-Kongreso pri kotizo aŭ vojaĝkosto laŭ bezono.

**Projekto Ĉ: Edukado**

Ĉ-1: Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj.

Ĉ-2: Starigi TTT-ejon por instrui Esperanton en aziaj lingvoj.

**Projekto D: Esperanto-libroj**
D-1: Eldoni necesajn librojn.
D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj.
D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj ks. Pagi sendkoston por tio.
D-4: Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp al kluboj, asocioj.

# Esperanto-eventoj

## Tutmonde

### 2018

02/11-17: La 9a TutAmerika Kongreso de Esperanto (Havano, Kubo)
07/21-28: La 51a ILEI-Kongreso (Madrido, Hispanio)
07/28-08/04 : La 103a UK (Lisbono, Portugalio)
08/05-12/ : La 91a SAT-Kongreso (Kragujevac, Serbio)

**Internacia Esperanto-Sumoo**

la 51a Sumoo : 2018/03/18-04/1
la 52a Sumoo : 2018/05/13-27
la 53a Sumoo : 2018/07/01-08 (8 tagoj)
la 54a Sumoo : 2018/09/09-23
la 54a Sumoo : 2018/11/11-25

Pli detale pri Sumoo vizitu
Retejo: http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html
Vikipedio:
https://eo.wikipedia.org/wiki/Internacia_Esperanto-Sumoo

## Azio kaj Oceanio

**2018**

02/18 : La Esperanto Kunsido de FEBanoj (Tirupati, Barato)
02/26-03/9 : La 2a Speciala Himalaja Renkontiĝo (Katmanduo, Nepalo)
03/02-04: La 43a Ski-kunloĝado (Jamagata, Japanio)
03/18-21: Esperanto-Festivalo de Tajvana Literaturo (Tajvano)
03/28-04/01: La 2-a Trilanda Kongreso de Esperanto (Bekasi, Indonezio)
04/07 : Jacugatake-Esperanto-Domo malfermiĝos (Jamanaŝi, Japanio)
04/12-13: La 5a Irana Esperanto-Kongreso (Teherano, Irano)
04/20-22: Printempa Renkontiĝo de Jacugatake-E-Domo (Japanio)
04/26-28: la 19-a Israela Esperanto-Kongreso (Akko, Israelo)
05/26-27 : La 65a Kansaja Esperanto-Kongreso (Suita, Osako, Japanio)
06/02-03: La 66a Kantoo-Esperanto-Kongreso (Tokio, Japanio)
06/18-25: Ekskurso al antikva lago Ĥuvsgul (Mongolio)
08/25-27 : Nur-Esperanta Kunvivado (Jacugatake-E-Domo, Japanio)
09/15-17: Aŭtuna Renkontiĝo de Jacugatake-E-Domo (Japanio)
10/12-14: La 2a Komuna Esperanto-Kongreso inter Japanio kaj Koreio (La 105a Japana Esperanto-Kongreso kaj la 50a Korea Esperanto-Kongreso, Nara, Japanio)
10/27-28: Ĉuugoku-Ŝikoku-Esperanto-Kongreso (Hiroŝima, Japanio)
10/ : Toohoku-Esperanto-Kongreso (Iŭate, Japanio)

## KAEM-anoj

Prezidanto: So Jinsu, so@kangnam.ac.kr
Vic-prezidanto: Inumaru Fumio, inumaru-f@nifty.com
Sekretario: Chimedtseren Enkhee, chimedtserenenkhee@yahoo.com

**Okcidenta kaj Centra Azio**

Israelo: Eran Vodevoz, evodevoz@yahoo.com
Irano: Hamed Sufi, sufihamed@yahoo.com
Taĝikio: Firdaus Shukurov, komintel@yandex.com

**Suda Azio**

Pakistano: Hafiz Abdul Qudoos Shafqat, aqshafqat1@gmail.com

Barato: Giridhar Rao, agiridhar.rao@gmail.com
Nepalo: Mukunda Raj Pathik, mpathik@gmail.com

**Sud-Orienta Azio kaj Oceanio**

Indonezio: (s-ino) Ilia Sumilfia Dewi, ilia.dewi@gmail.com
Vjetnamio: (s-ino) Nguyen Thi Phuong Mai,
goldenprocom@gmail.com
Aŭstralio: Sandor Horvath, sandorhorvath07@gmail.com
Nov-Zelando: Bradley McDonald, bradley@nzea.org.nz

**Orienta Azio**

Ĉinio: Wang Ruixiang, lamondo@163.com
Mongolio: Chimedtseren Enkhee chimedtserenenkhee@yahoo.com
Koreio: So Jinsu, so@kangnam.ac.kr
Japanio: Inumaru Fumio, inumaru-f@nifty.com

**Honoraj prezidantoj de KAEM**

Puramo CHONG (Koreio)
Hori Jasuo (Japanio): hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Kompilado de la bulteno "Esperanto en Azio"
Lee Jungkee (Koreio): leejungkee@khu.ac.kr
Sasaki Teruhiro (Japanio): steruhiro31@gmail.com
Wang Ruixiang (Ĉinio) lamondo@163.com

**Estrarano de UEA**

Lee Jungkee (Koreio): leejungkee@khu.ac.kr

**Retpaĝoj de KAEM**

(1) La retejo de KAEM. http://www.esperantoazia.net/
(2) Membriĝo al la retejo:
http://www.esperantoazia.tk/index.php?act=dispMemberSignUpForm
Klarigo pri la membriĝo al la retejo
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=opinioj&document_srl=356
Vi tuj gajnos la permesan rajton de la ŝanĝado de la retejo.
(3) Kion kaj kiel ŝanĝi?
A. Novaĵo - se vi havas ajnan novaĵon pri Esperanto-movado de

via landa Esperanto-agado.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=novajxo

B. Azia Movado - Listo de la kongresoj kaj aranĝoj en Azio.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziamovado

C. Aziaj Kongresoj - Listo de la landaj kongresoj
Nun tute mankas informo pri kongresoj en 2017.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziajkongresoj

Nomota Hiongun KIM hiongun@gmail.com

**Redaktoro parolas:**




Mi esperas, ke ĉiuj esperantistoj en Azio kaj Oceanio havas feliĉan novjaron en la jaro de hundoj laŭ la luna kalendaro.

La hundo en la foto nomata Haĉi, kiu naskiĝis en 1923, atendis sian mastron ĉe la stacidomo Ŝibuja, Tokio, ĉiun vesperon, eĉ post lia morto dum 10 jaroj. Tiu ĉi rakonto estas fame konata en Japanio, kaj antaŭ ne longe filmo pri ĝi estis refarita en Usono laŭ la japana filmo, do ĝi estas fama ankaŭ en Usono. Ni devas esti eterne lojalaj al Majstro d-ro Zamenhof por efektivigi lian noblan ideon en la mondo kiel Haĉi al sia mastro. (HORI Jasuo)

.....................................................................................

**Esperanto en Azio kaj Oceanio**
Eldonanto: Azia-Oceania Komisiono de UEA (KAEM)
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Reta adreso al KAEM:
Retejo de KAEM : http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Japanio 371-0825 Gunma Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3